# BULTENO

DE

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

KAJ DE

# SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

(T. V.)

**Nº 6. — Aprilo 1927.**

Tiu Bulteno estas sendata senpage al la membroj de I. S. A. E. kaj al la kunlaborantoj de la Sekcio de T. V.

**Unu numero :** *0,1 dolaro.* — **Jarabono :** *0,5 dolaro.*
(Vidu por **kotizo al I. S. A. E.** la trian paĝon de la kovrilo malsupre.




REDAKTEJO :

S-ro ROLLET DE L'ISLE
Ĝenerala Sekretario de I. S. A. E.

**35, Rue Du Sommerard**
**PARIS, France**

ABONEJO :

S-ro C. ROUSSEAU
Kasisto de I. S. A. E.

**4, Place de la République**
**LEVALLOIS-PERRET (Seine), France**

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(FONDITA EN 1906)

## PATRONADA KOMITATO

(en formado)

APPELL, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, honora rektoro de la Pariza Universitato.

DANIEL BERTHELOT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

BIGOURDAN, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Horo.

DESLANDRES, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Astronomifizika Observatorio.

GUILLAUME, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

JANET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Supera Lernejo de Elektro.

LALLEMAND, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, prezidanto de la Internacia Uniono de Geodezio kaj Geofiziko.

LUMIÈRE (LOUIS), membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

MESNAGER, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PAINLEVÉ, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

CH. RICHET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

EMIL SETÄLÄ, membro de la Finnlanda Scienca Akademio, ministro de la eksteraj aferoj.

J. J. STIELTJES, ĝenerala inspektoro de Nederlandaj Fervojoj kaj Tramvojoj, prezidanto de la « Koninklijk Instituut van Ingenieurs ».

VIKÁR, membro de la Hungara Akademio de Sciencoj.

## ANTAŬAJ PREZIDANTOJ

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PROFESORO SCHMIDT, direktoro de la Magneta Observatorio de Potsdam.

BENOIT, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

PROF. HUNTINGTON, de la Universitato de Harvard (U.S.A.).

J. J. THOMSON, profesoro de Fiziko de la Cambridge'a Universitato.

FORSTER, prezidanto de la Internacia Komitato de Pezoj kaj Mezuriloj.

COTTON, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

# BULTENO

DE

# Internacia Scienca Asocio Esperantista

N° 6. — APRILO 1927

## VIVO DE NIA ASOCIO

### NOMARO KAJ ADRESARO DE LA MEMBROJ

1° *Novaj membroj aliĝintaj de la 1-a de Decembro 1926 ĝis la 1-a de Marto 1927*

**Ĉeĥoslovakujo**

**Dobes**, bankoficisto, Zirchare 14, Praha II.
**Rebicek**, fervojisto, hlavni nadrazi, 103, Olomouc 2.
**Roth** (J.), agrikult. inĝeniero, str. Zàmecká, 87, Kolin.

**Hungarujo**

**Halmagyi**, doktoro kuracisto, Paragvari ut. 18, Szombathely.

**Jugoslavujo**

S. **Kalogjera** (M.), ĉefepiskopo de la Kroata Antikvakatolika Eklezio, Ilica, 10, Zagreb.
S. **Rosenstock** (St.), prokuristo, Boŝkoviĉeva, 36, Mezzanin, Zagreb.

**Polujo**

**Kaŭs** (M.), instruisto, ul. Sniadeckich, n° 18 m. 8, Warszawa.

**Usono**

**Zahn** (Ch.), 1245. N. 56 Street, Philadelphia.

2° *Ŝanĝoj de adreso*

**Jaccard**, nacia delegito, 13, rue de la Banque, Le Locle (Svis.).
**Santamarina** (A.), advok., Director de la Prision Central, Valencia (Hisp.).
**Santamarina** (Luis), Policinspektoro, Rabasa 45°-4-3ª, Barcelona (Hisp.).
**Thorsteinsson** (Th.), statistika oficejo, Reykjavik (Islando).
**Ulman** (F.), direktoro de Ruĝa Kruco, doktoro, Komenského, 72, Mukaĉevo (Ĉeĥoslovakujo).
**Wolff** (F.), 115, Bismarckstrasse, Charlottenburg, Berlin (Germ.)

3° *Korektoj*

**Arnhold** kaj **Von Frenckell**, el Dresden, fariĝas subtenantoj.
**Gaston**, advokato, Zaragoza (Hisp.), mortis lastjare.

S-ro **Mieczyslaw Kaus,** str. Sniadeckich, N° 18, Warszawa (Polujo), bonvolis akcepti nacian delegitecon por sia lando. Sekve, de nun nia sindonema prezidanto P-ro Bujwid, kiu prenis sur sin provizore tiun taskon, ĉesas plenumi ĝin.

## UNIVERSALA KONGRESO DE DANZIG

La ĝenerala sekretario skribis al la Loka Organiza Komitato de la *XIX-a Kongreso* en *Danzig* por sciigi ĝin, ke nia Asocio kunsidos dum tiu Kongreso, kaj peti, ke ĝi rezervu unu aŭ du unuhorajn kunsidojn.

Dum la kunsidoj estos, kiel kutime, legataj la oficialaj raportoj pri agado de nia Asocio ; niaj kolegoj estas petataj sciigi la ĝeneralan sekretarion pri la temoj, kiujn ili intencas prezenti je la diskutado kaj studado de la ĉeestantoj.

Laŭ la statutoj, la komitato konsistas el 6-10 membroj, elektitaj por du jaroj kaj anstataŭeblaj poduone ĉiudujare ; ĉar la nunaj membroj estis elektataj en 1925, la duono el ili povas esti anstataŭata dum la nuna jaro.

Ni memoru, ke la membroj estas :

**Prezidanto :** P-ro *O. Bujwid,* profesoro de higieno ĉe la Universitato de Krakovo (Polujo) ;

**Vic-Prezidanto :** *Kolonelo V. Inglada,* profesoro de ĝeodezio ĉe la Supera Militista Lernejo (Madrid);

**Ĝenerala Sekretario :** *Inĝeniero Rollet de l'Isle,* generala hidrografia inĝeniero de la franca maristaro;

**Sekretario-Kasisto :** S-ro *Rousseau,* Levallois-Perret (Francujo) ;

**Komitatanoj :** P-ro *Cotton,* profesoro ĉe la Universitato, membro de la scienca franca Akademio ; P-ro *Dietterle,* direktoro de la ŝtata germana Instituto de Esperanto (Leipzig); Inĝ. *Isbrücker,* ĉefinĝeniero de telefona kompanio en Hago (Nederlando) ; D-ro *Stromboli,* metalurgiisto inĝeniero en Pisa (Italujo).

La ĝenerala sekretario kune kun la kasisto, lotis la nomojn de la kvar membroj, kiuj eliĝos en 1927 : ili estas S-roj : *Bujwid, Inglada, Isbrücker, Rousseau.*

Ni petas niajn membrojn sciigi al ni la *nomojn de niaj kolegoj, kiujn ili proponas por okupi tiujn postenojn ;* ili samtempe konigu al ni, ĉu ili opinias, *ke la nombro de*

*la komitatanoj devas esti pligrandigata ĝis 10,* kiel permesas la statutoj.

Atentu, ke la eliĝantaj membroj estas reelekteblaj.

La listo de la kandidatoj estos publikigata en nia Bulteno nº 7, kiu aperos je la 1-a de Julio. Pro tio, *la respondoj al la ĉi-supraj demandoj alvenu al la ĝenerala sekretario antaŭ la unua de Junio.*

Kiel ni faris okaze de la Kongreso de Edinburgo, ni klopodas por organizi vizitojn de la sciencaj kaj teknikaj organizaĵoj en Danzig aŭ ĉirkaŭaĵoj de la urbo.

# AGADO DE NIA ASOCIO

En *Warszawa* (Polujo) okazos, dum la monato de Junio 1927, **Internacia kongreso de militistaj medicino kaj farmacio.** D-ro *Robin* klopodas por starigi esperantistan sekcion en tiu kongreso : jam P-ro *Ch. Richet* subtenas tiun agadon. Ni petas niajn membrojn konigi tiun projekton al la samfakanoj, kun kiuj ili interrilatiĝas, kaj altiri ilian atenton al la graveco de Esperanto por plenumado de iliaj funkcioj, ĉefe dum milito ; kiel oni scias, jam de longe la *Komitato de Ruĝa Kruco* rekomendis uzon de Esperanto al siaj membroj.

La 4-9 de Septembro 1927, okazos en *Budapest* (Hungarujo) **Internacia kongreso de Zoologio.** Estus dezirinde, ke nia Asocio estu reprezentata de unu aŭ kelkaj kongresistoj ; pro tio ni petas niajn membrojn, kiuj intencas partopreni tiun kongreson, sciigi nin, kiel eble plej baldaŭ, kaj ankaŭ la *Centran Komitaton, 12, boulevard du Théâtre, Genève.*

Ni montros en la rubriko : *Progresoj,* liston de publikigaĵoj, ĉe kiuj estas aldonataj **esperantaj resumoj** de la nacilingve redaktitaj artikoloj.

Ni ĉi sube represas tri cirkulerojn, kiujn ni en la lastaj monatoj sendis por represado al la esperantistaj gazetoj, kaj kiujn eble kelkaj el niaj membroj kaj delegitoj ne legis. Ĉar tiuj cirkuleroj rilatas al *unu el la plej trafaj rimedoj de propagando — eble la plej trafa —* en la sciencaj kaj

teknikaj rondoj, ni opinias bona rememorigi ilin por instigi viglan agadon de niaj anoj kaj delegitoj laŭ tiu direkto.

Unua Cirkulero. — *La Internacia Scienca Konferenco de Parizo* (Majo 1925) rekomendis klopodi, por ke la sciencaj kaj teknikaj Revuoj de ĉiuj landoj publikigu esperantajn resumojn de la artikoloj redaktitaj en naciaj lingvoj. Je la monato de Oktobro 1925, la *I-a Internacia Kongreso de la Teknika Gazetaro,* sidanta en Parizo, esprimis la saman deziron.

Ĉar estas ofte malfacile sukcesi, kiam oni nun petas tion de la Revuoj, jen alia pli simpla metodo, kiu estos eble pli afable akceptata.

Tiuj resumoj estos utilaj al la alilandaj legantoj de la Revuoj, sed ankaŭ, kaj ĉefe, al la alilandaj samfakaj Revuoj, kiuj, per ili, povos publikigi resumojn de la plej interesaj artikoloj, kaj konigi al siaj legantoj la verkojn de iliaj alilandaj kolegoj.

*Por atingi tiun celon, sufiĉus, ke la resumoj de ĉiu numero estu publikigataj daktilografe sur aparta folio, kaj sendataj al ĉiuj samfakaj Revuoj alilandaj.*

Ĉar sufiĉos du paĝoj, kaj ĉar la nombro de la samfakaj Revuoj ne estas granda (eble maksimume cent), la elspezo povas esti facile pagata de ĉiu Revuo, eĉ ne grava.

Direktoro de Revuo, kiu estos ricevinta kelkajn tiajn resumojn de diverslingvaj samfakaj kolegoj, komprenos utilecon de tiu metodo — kaj de Esperanto ; — li aplikos mem la metodon, kaj verŝajne fariĝos propagandisto de nia lingvo.

Sekve la esperantaj societoj de Specialistoj, la naciaj Societoj de propagando, la naciaj Grupoj, eĉ ĉiuj samideanoj, devus agadi tiumaniere koncerne la teknikajn Revuojn, al kiuj ili povas sin turni ; ili havos kelkajn ŝancojn de sukceso se komence, ili proponos traduki mem la resumojn ; aliparte S-ro *Kamaryt* iniciatis jam tiun proponon, kreante sciencan sekcion en la Ĉekoslovakia Societo por fari tiajn tradukojn. Tio estus interesa kaj instrua laboro por la lokaj Grupoj, kies kunsidoj estas ofte nemulte interesplenaj.

Oni, se eble, komencu tiun agadon en la radiotelefona gazetaro, kie nun nia propagando prosperas ; sed ĝi estu ankaŭ provata en la aliaj teknikoj.

Pri la teknikaj terminoj, jam multaj troviĝas en la naciaj vortaroj de la kutima lingvo, aŭ en la Enciklopedia Vortareto de Verax ; aliparte, laŭokaze, oni uzos la terminon uzatan en iu el la ĉefaj naciaj lingvoj, substrekante ĝin kaj aldonante inter krampoj la naciecon de la lingvo.

Dua Cirkulero.— En antaŭa noto, ni proponis metodon por utiligi resumojn de artikoloj redaktitajn en Esperanto.

Per tiu metodo la direktoroj de la Revuoj interŝanĝas tiujn resumojn ; tiamaniere ĉiu el ili ricevas la resumojn de ĉiuj samfakaj Revuoj.

*Sed se ekzistas en iu fako centra internacia organismo : federacio, asocio, oficejo, k. t. p., pli taŭga solvo estas, ke ĝi publikigu mem aŭ per kontrakto kun eldonisto la senmankan aron de tiuj Esperanto-resumoj, senditaj al ĝi de ĉiuj samfakaj Revuoj.*

Post kiam la interŝanĝado, pri kiu ni antaŭe parolis, estos organizita kaj montros sian profiton, oni devos klopodi por atingi tiun alcentrigitan publikigadon ; ĉar ĝi estos certe realigata en la estonteco, kiam Esperanto estos universale uzata.

Efektive ĝi alportos al ĉiu fakisto eblecon koni, dank'al tiu bibliografio, la verkojn faritajn aŭ komencitajn en ĉiuj landoj rilate al la demandoj, pri kiuj li laboradas ; kaj pli ĝenerale li povos konstati la temojn nune plej interesindajn kaj la faritajn progresojn en la tuta mondo. Pro tio, tiu kompleta bibliografia verkaĵo havos multnombrajn legantojn kaj abonantojn (fakajn bibliotekojn, lernejojn kaj Institutojn) ; sekve, oni trovos facile eldoniston, se la faka centra organismo ne povas eldoni mem tiun gravan verkon.

Tria Cirkulero. — *Al la redaktoroj de la naciaj gazetoj :* Vi certe memoras, ke la Internacia Kongreso de teknika Gazetaro esprimis la deziron, ke, en la periodaj publikigaĵoj, sciencaj kaj teknikaj, al ĉiu artikolo nacilingve redaktita estu aldonata resumo en Esperanto.

Estus dezirinde, ke la naciaj gazetoj por propagando de Esperanto kontentigu tiun deziron, aldonante Esperantan resumon al ĉiu artikolo nacilingve redaktita. Tiamaniere iliaj alilandaj legantoj sciiĝus pri ofte rimarkindaj artikoloj, kaj

iafoje trovus en ili ideojn aplikeblajn en sia propra lando. Tio estos des pli utila, se disvastiĝos la tre aprobinda metodo uzita de niaj Britaj samideanoj en « The International Language », gazeto tute nacilingve redaktita en ĝia propaganda parto.

# PROGRESOJ

La **Aerologia Observatorio de Tateno (Japanujo)** estis organizata en 1929 de la « Japana Centra Observatorio Meteorologia ». Ĝi publikigis la unuan raporton pri siaj observadoj, je la monato de Novembro 1926. Tiu raporto, kiu konsistas el volumo de pli ol 200 paĝoj (formato 31/21 cm.), kun tabeloj de la observadoj kaj ilustraĵoj, estas tute redaktita en Esperanto. Aliaj raportoj sekvos laŭregule, samtempe kiel aliaj publikigaĵoj, kiuj verŝajne estos ankaŭ tute redaktataj esperanten. Tiu verko konsistigas mirindan propagandilon por la sciencaj rondoj, kaj ni konsilas al niaj membroj peti la estron de la Aerologia Observatorio de Tateno, S-ro *W. Oishi, Tateno apud Tutiura (Ibaraki-Ken), Japanujo*, pri sendado de tiu volumo al la sciencistoj, kiujn ili intencas varbi.

Dum la mezo de la monato Novembro 1926, okazis en Berlino la unua kunveno de nove fondita grava Societo, nome la **Internacia studsocieto por esplorado de Arktikaj regionoj per aerŝipo.** Ĝis nun aliĝis preskaŭ 200 membroj el 19 landoj; inter ili estas la plej konataj esplorintoj de la polusaj regionoj kaj kondukintoj de aerŝipoj.

La prezidanto estas la mondkonata profesoro *Frithjof Nansen*; laŭ lia propono la kongreso akceptis, kiel oficialajn lingvojn de la Societo : la esperantan, germanan, francan kaj anglan lingvojn. La regularo estis redaktata en tiuj ĉi kvar lingvoj.

Nia prezidanto **Prof. Bujwid** skribis al ni : « Mi estas « kontenta povante konstati, ke ĉe ni en Polujo, komencas « plia kompreno de la valoro de la esperanta lingvo, precipe « ĉe niaj ŝtatestroj. Antaŭ nelonga tempo mi duan fojon jam

« priparolis kaj klarigis al *S-ro Prezidanto de la Pola* « *Respubliko* la gravecon de la esperanta movado por inter- « naciaj rilatoj. Cetere la Prezidanto, eminenta fakisto en la « ĥemia teknologio, ne bezonas multajn klarigadojn; la plej « grava pruvo estas, ke li mem konstatis la valoron de la « lingvo unuarange por aviadistoj. Tuj post tiu ĉi interparol- « ado, mi turnis min al *Kolonelo Rayski*, estro de la « militistaj aviadistoj, kiu konsentis komenci kursojn por « aviadistoj en proksima tempo.... »

Internacia Medicina Revuo sciiĝas, ke la japana medicina ĵurnalo *El iĵi Ŝinbun* enhavas en ĉiu numero **resumojn de la ĉefaj artikoloj esperantlingve skribitajn.** Je tiu okazo, mi petas niajn membrojn sciigi nin pri la sciencaj aŭ teknikaj gazetoj de ilia lando, kiu tiamaniere kontentigas la deziron de la Internacia Federacio de la Teknika Gazetaro.

Ĝis nun, ni nur eksciiĝis pri la jenaj publikigaĵoj :

*Journaux Le Cuir* (Paris). — *Experimental Wireless* (Londres). — *El magistro español* (Madrid). — *Revista de Diagnostico y Tratamiento Fisicos* (Barcelone). — *El Magazine de la Raza* (La Havane).— *Polytechnisch Weekblad* (Amsterdam). — *Engineering Progress* (Germanujo). — *El iĵi Ŝinbun* (Japanujo). — *Gerlands Beiträge zur Geophysik* (Aŭstrujo).

Al tiu ĉi listo ni devas aldoni la germanan revuon *Deutsche Kurzschrift*, kiu publikigas en ĉiu numero unu paĝon esperante redaktitan, kiu estas resumo de ĉiuj artikoloj; ĝi estas la nura stenografista revuo, kiu ĝis nun tiel faras, kaj ni konsilas kuraĝigi ĝin per abonoj (adreso : Verlag Deutsche Kurzschrift, Elberfeld, Charlottenstrasse 72).

En la antaŭa numero de nia Bulteno, ni sciiĝis pri sukcesa agado ĉe la **Antialkohola Societo de la francaj fervojistoj;** sekve de tio, kurso rezervita al la membroj de tiu societo okazas de nun ĉiusemajne ĉe la sidejo.

La *Revuo Orienta* (Dec. 1926) sciigas, ke aperis en la 15-a volumo de **Bulteno de Japana Patologia Societo,** 11 referatoj en Esperanto inter aliaj lingvoj. Oni vidas, ke niaj japanaj samideanoj aplikas vigle la metodon plej efikan : *propagandi Esperanton per praktika uzado.*

# SCIIGOJ

De la 30-a de Oktobro ĝis la 10-a de Novembro 1926, okazis en *Tokio* (Japanujo) la **III-a Konferenco de Panpacifikaj Sciencistoj,** kiun partoprenis kelkcentoj da mondekonataj sciencistoj de tutpacifikaj landoj, t. e. Usono, Aŭstralio, Sud-hindaj Insuloj, Koĉinĥinujo, Ĥinujo, Filipino, Kanado, Nov-Zelando, Japanujo, Siberio kaj aliaj.

La estraro antaŭe decidis, ke la nura oficiala lingvo estos la angla; eĉ franca, germana kaj esperanta estis malpermesataj.

Pro tiu decido, iuj japanaj sciencistoj la konferencon ne ĉeestis; sed aliaj indignis, kaj 18 el ili inter la plej famaj, sendis al la estraro deklaracion en kiu ili diras, ke en tia konferenco, organizata en Japanujo, kie instruituloj kaj kleruloj ĉiam suferas de l' granda ŝarĝo de l' malfacileco de la ellernado de l' eŭropaj lingvoj, kiuj estas tute malsimilaj al ilia patra lingvo, *nepre devas esti uzata la internacia lingvo Esperanto, kiu estas facile lernebla por ĉiu homo de l' mondo.* (Laŭ « La Revuo Orienta », Novembro 1926).

La fama **franca aviadisto A. Costes,** kiu ĵus venkis kun **kapitano Rignot,** la mondan rekordon de la plej longa distanco sen halto deklaris : « La rimedoj de la moderna transporto « ebligas trairi, en du semajnoj, distancon egalan je la duono « de la ĉirkaŭo de nia terglobo, kaj tiuj rimedoj, post mal- « longa tempo, estos ankoraŭ pliperfektigataj. Estas nepre « necese, ke Esperanto fariĝu la helpa lingvo, kiu pli- « amikigos la popolojn kaj igos la vojaĝojn agrablaj kaj « facilaj.... » (Laŭ la « Movado », Decembro 1926). — Kapitano Rignot montris saman simpation al nia afero; en T. S. F.-a parolado li diris, ke Esperanto estas hodiaŭ necesa ilo por la aviadistoj.

En la januara numero de « Esperanto » troviĝas eltiraĵoj de verko de *Prof. Louis Maillard* de la Universitato de Lausanne pri **Kosmogonio, historio de ideoj pri la mond-origino.** « Riĉe ilustrita, dokumentita, verkita en klasika stilo, tiu

« libro estas atentinda verko, kiu resumas la plej belajn, « majestajn eltrovojn de Astronomio, en la periodo de « 3.000 jaroj de tiu scienco. »

La aŭtoro volonte eldonus ĝin en Esperanto se montriĝos intereso por tio. Kiu deziras subteni tiun projekton skribu al Universala Esperanto Asocio, 12, boulevard du Théâtre, Genève.

En la 4-a numero de nia Bulteno ni sciiĝis, ke la grava aŭstria revuo **Gerlands Beiträge zur Geophysik** publikigis aldonon esperante redaktitan entenantan resumojn de la ĉefaj artikoloj, kaj ni petis niajn membrojn helpi iniciatulojn de tiu tre taŭga elmontro de utileco de Esperanto. Ni ĵus ricevis leteron de nia kolego *D-ro Sirk,* kiu sciigas, ke sama esperanta aldono povis esti enmetita en la 3-an kaj 4-an volumon de tiu revuo, kaj estos ankaŭ aldonata al la 5-a volumo en Julio. Espereble, je tiu epoko, la aldono fariĝos ekonomie memstara kaj sekve konstanta. Se tio okazas, ni ŝuldos tiun sukceson al la sindonemeco de nia kolego *D-ro Sirk,* ĉar li prenis sur sin redaktadon de la aldono, pro malsano de *P-ro Simon,* kiu redaktis la unuajn kajerojn kaj al kiu ni ankaŭ multe ŝuldos en tiu okazo.

Nia kolego *Stanišić* sendis al ni la du unuajn numerojn de nova revuo titolita *Nova Ekonomia Politiko,* kies celo estas precipe propagandi la ekonomian doktrinon de Silvio Gesell; laŭ diro de nia kolego « ĝi volas prepari la kampon, kie ekfloros tiu ideo, kiu de multaj esperantistoj estas komprenata sub la nomo « Esperantismo ». Ni atentigas niajn kolegojn pri tiu publikigaĵo, kiu povas prezenti intereson je la vidpunkto de la teknika terminaro, se ne je tiu de la pritraktataj aktualaj ekonomiaj, precipe « etalon [1] - valutaj » problemoj.

Inĝeniero *Otto Graf (Cannsttat, Haldenstr., 8, Germanujo),* publikigis noton en la numero de Januaro de la gazeto « Esperanto » kun la titolo **Esperanta normigo.** En lia

---

[1] La ĝis nun alprenita vorto estas *ajŝo,* kiu ŝajnas al ni preferinda; ankaŭ oni proponis *standardo.*

respondo al niaj petoj pri plua klarigado, li skribis : « La « *Germana Normigo Komitato, Berlin,* estas fondita de « Germana Ligo de Inĝenieroj kun la celo : normigi en ĉiuj « sciencaj, teknikaj kaj industriaj fakoj. La komitato estas « subtenata per ŝtataj kaj sciencaj estroj. La plej multaj « grandaj industriaj firmoj ankaŭ estas membroj ; ĉar ili « uzadas normojn en siaj fabrikejoj. Tial la G. N. K. havas « grandan influon en nia industrio, kaj mi esperas provi « interesigi ĝin pri Esperanto... La Germana Normigo Ko- « mitato (*Deutscher Normen-Ausschuss,* Berlin, N. W. 7, « Dorotheenstr. 47), volonte donos pluajn detalojn pri Esper- « anta Normigo al interesuloj... En la plej industriaj landoj « oni jam de longe komprenis la grandan utilon, kiun gajnus « industrio el normigo kaj tial oni elektis normigo-komitatojn. « Tiuj ĉi komitatoj fondis Internacian Normigo-Komitaton « (*International Standards Association*) kun la celo inter- « ŝanĝi teknikajn normojn. Sed jam montriĝis la plej granda « malfacileco en la internacia enkonduko de normoj : la « diverseco de teknikaj terminoj por la sama objekto !... Nun « oni komprenas, ke Esperanta Normigo estos fundamento de « internaciaj teknikaj normoj.... »

Estus dezirinde, ke kelkaj naciaj komitatoj interkonsentu por komuna agado ĉe la Internacia Asocio ; pro tio ni petas niajn kolegojn de la nacioj, kie ekzistas tiaj komitatoj, komenci de nun agadon kaj sciigi nin, kiel eble plej baldaŭ, pri la rezultatoj ; jam estas komencita sukcese agado ĉe la franca komitato.

## SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

Je la fino de Novembro aperis la **Sveda ŝlosilo,** kiu entenas komercan terminaron verkitan de S-ro *Kreuz*. Antaŭ publikigado, la Sekcio de Teknikaj Vortaroj ĝin komunikis al la societo *Esperanto et Commerce,* fakestro por komerca terminaro.

En la « Biblioteko Tutmonda » publikigata de la firmo Rudolf Mosse aperis **La Arto de Memdisciplino,** de Ch. Baudouin, originale verkita en Esperanto. Je la fino de tiu libreto

troviĝas teknika terminaro de la « Psikagogio ». Tiu terminaro, alfabete ordigita, entenas ĉirkaŭ 40 vortojn, kune kun iliaj franca kaj germana tradukoj kaj esperanta klarigo. La aŭtoro diras : « Oni eble miros, trovante kelkfoje en tiu « terminaro du vortojn anstataŭ unu — precipe ĉe la ger- « manaj vortoj. En tiuj okazoj oni sciu, ke nur la unua « vorto estas teknika ; la dua estas vorto de la komuna « lingvo... » Rekomendinda farmaniero en tiuj teknikoj, kies temoj estas ofte priparolataj de neteknikistoj, kaj en kiuj, pro tio, enŝoviĝas maltrafaj esprimoj, poste malfacile forigeblaj.

Nia eminenta kolego S-ro *Azorin*, de Cordoba (Hispanujo), komunikis al ni kelkajn presprovaĵojn de grava **Terminaro pri Arĥitekturo,** kiu entenas la terminojn de tiu fako, ordigitaj laŭ alfabeta ordo en hispana lingvo ; por ĉiu vorto oni donas la tradukon en kelkaj naciaj lingvoj, plej ofte franca, latina, itala, portugala, germana, pola, araba, kaj klarigojn hispanlingve redaktitajn. Apud ĉiu vorto kaj presita en specialaj presliteroj troviĝas la kunresponda esperanta vorto.

Nia samideano **S. Obruĉev** sciigas nin, ke li ne respondis nian cirkuleron al la fakestroj, ĉar, dum naŭ monatoj, li gvidis geologian ekspedicion en nord-orienta Siberio ; tial li nenion povis komuniki al ni pri la stato de geologia vortaro. Ĉar ĝis nun li ne trovis kunlaborantojn kaj aliparte liaj ofte ripetotaj ekspedicioj malhelpos, ke li multe laboradu pri tiu temo, li estus danka se iu alia konsentus preni la fakestrecon.

## PRI PROPRAJ NOMOJ

En numero 39 de « Heroldo », *S-ro R. Leliva* skribas artikolon kies konkludo estas : « *Nacia parolsono figurita ekskluzive nur per esperantaj literoj kaj laŭeble per esperanta gramatika formo, estu senkondiĉe nepra postulo por figurado de* **propraj nomoj** *en ĉiu esperanta teksto* ».

Tre prave la redaktoro de « Heroldo » montras, ke tiu postulo ne estas akceptebla kaj proponas : « *En adresoj,*

*listoj, mallongaj rubrikartikoloj, anoncoj, ni uzu la proprajn nomojn en ilia originala nacia formo, eĉ ne aldonante la prononcon. En pli longaj artikoloj kaj en literaturaĵoj, ni uzu por mondkonataj urboj, montoj, riveroj kaj por historiaj personoj, esp. formojn : por malpli konataj lokoj kaj personoj, ni uzu la originalan nacian formon, sed aldonante almenaŭ unufoje la esp. prononcon se ĝi ne koincidas kun la originala nacia formo. En literaturaĵoj oni eĉ povas uzi esperantigitan formon por malpli konataj lokoj, se ili ofte troviĝas en la teksto ; tiukaze ni tamen aldonu almenaŭ unufoje ankaŭ la originalan formon* ».

En la *Konsilaro por la farado de la sciencaj kaj teknikaj vortoj*, publikigita en Scienca Revuo je la jaro 1911, la komisiono de la Scienca Asocio studis longe la demandon pri propraj nomoj. Ĉar verŝajne multaj el niaj membroj ne rememoras tiun verkon, ni opinias utila resumi ĝin ĉi-tie.

« La demando pri la esperantigo de la propraj nomoj fariĝas simpla, se oni konsideras, ke tiuj vortoj estas similaj je la aliaj vortoj de la lingvo.

Efektive ili estas vortoj elektitaj, per interkonsento, por montri ion inter aliaj ioj de sama speco, aŭ kelkajn iojn de sama speco havantajn specialan interrilatecon.

Je tiu vidpunkto, nomo de familio de kreskaĵoj aŭ de bestoj estas analoga al nomo de familio de homoj, de aro de montoj aŭ de grupo de insuloj....

Sekve ĉar oni esperantigas la unuajn, oni devas ankaŭ esperantigi la duajn, uzante la samajn metodojn....

*La elementoj de tiu problemo estas la vortoj, kiujn oni uzas, en la diversaj naciaj lingvoj, por nomi la konsideratan ion ;* kaj povas okazi ke tiaj nomoj ekzistas en kelkaj naciaj lingvoj aŭ nur en unu nacia lingvo....

*La unua kategorio* entenas la iojn, kiuj estas nomitaj en diversaj naciaj lingvoj. Ili estas : la nomoj de la geografiaj ioj ĉe aŭ apud kiuj loĝas diverslingvaj popoloj (kontinentoj, maroj, k. t. p.) ; la nomoj de la geografiaj ioj, kiuj troviĝas en loko, kie estas uzata nur unu nacia lingvo, sed kiuj estas konataj kaj nomataj en aliaj plimalpli multenombraj naciaj lingvoj (ĉefurboj, nacioj, k. t. p.) ; la nomoj de la personoj

konataj kaj nomataj en kelkaj aliaj nacioj ol tiu al kiu ili apartenas — aŭ apartenis, ĉar la nacio eble ne plu ekzistas kaj eĉ ĝia lingvo ne plu estas uzata. (Ekz. ĉiuj antikvaj aŭ historiaj nomoj, antaŭnomoj, k. t. p.)....

Por la nomoj el tiu kategorio, la naturo de la elementoj de la problemo t. e. la nacilingvaj nomoj, dependas de la farmaniero de la naciaj lingvoj ; kaj ĉar tiuj lingvoj havas neniun ĝeneralan metodon, tiuj elementoj estos diverspecaj....

*La dua kategorio* entenas la nomojn de ĉiuj geografiaj ioj troviĝantaj en lando okupata de loĝantoj parolantaj difinitan nacian lingvon, kaj la nomojn de personoj, kiuj ne estas konataj de alilingvanoj....

*La esperantigo de la propraj nomoj povas kaj devas esti farata nur de la interesuloj, t. e. por la nomoj de personoj de tiuj personoj mem, por la geografiaj naciaj ioj de la posedantoj de la lando, kie troviĝas tiuj ioj, por la internaciaj geografiaj ioj, por la historiaj nomoj, de komitatoj internaciaj de kompetentuloj oficiale (aŭ ne) starigataj....*

Resume en Esperanto ĉiuj ioj aŭ aro da ioj, kiuj havas propran nomon en iu nacia lingvo, havos ankaŭ propran nomon, elektatan laŭ la metodojn, uzitajn por la farado de la komunaj vortoj.

*Tiu farmaniero, kiun uzas la naciaj lingvoj en la okazoj, kiam la propra nomo estas tiu de io, kiu speciale interesas ilin, estas la sola, kiu ebligas tutan parolan kaj skriban interkomprenon....*

D-ro Zamenhof diris, en la jaro 1905-a : « Kvankam ni « mem ordinare uzas ankoraŭ en la plej granda parto da « nomoj, ortografion originalan, ni tamen ne dubas, ke iom « post iom, en nia lingvo, por ĉiuj nomoj, enradikiĝos la « fonetika ortografio ».

Tiu ideo donas al ni rimedon akordigi la necesojn de la nuna stato (kiu trudas al ni eviti malbonan impreson de la neesperantistoj pro propagando) kun la formoj, kiujn la lingvo devas prezenti en la estonteco : tiu rimedo konsistas konsideri (ĉefe kiam temas pri la personaj nomoj) tiujn lastajn formojn kiel la fina fazo de evolucio, kiun ni devas gvidi laŭ tiu direkto.

*La unua fazo sekve konsistas en la nuna stato,* t. e. esperantigo de la internaciaj propraj nomoj aŭ de la nomoj, kiujn oni ofte bezonas; uzo de la ortografia nacilingva formo por la nomoj de la lingvoj, kiuj havas latinan alfabeton; uzo de la fonetikaj formoj por la nomoj de la aliaj naciaj lingvoj. La neesperantigitaj propraj nomoj estos montritaj en la teksto per la sama maniero, per kiu oni montras la alilingvajn nomojn.

*La dua fazo estas samtempa uzo de la esperanta formo kaj de la ortografia formo supre difinita;* la nacilingva vorto estos montrata kiel alilingva vorto.

*En la tria fazo, fine, oni uzos nur la esperantan formon;* tamen oni, ĝis kiam Esperanto estos universe disvastigata, aldonos nacilingvan formon, kiam estos necese ke la samnaciuloj sciiĝu pri la nomita io. (Ekz. Poŝto).

Menciinde estas, ke tiamaniere oni imitos la sciencistojn de la epoko, kiam la latina lingvo estis la internacia scienca lingvo, kaj kiuj latinigis sian nomon ne pro ridinda modo, sed por ke tiuj nomoj povu esti uzataj de ĉiuj, kun kiuj ili interrilatiĝis. Ekzemple : *Celsius, Mercator, Regiomontanus,* k. t. p. Ankaŭ la fremduloj, kiuj, en kelkaj malnovaj epokoj alinaciiĝis, por eviti rimarkojn, kelkafoje malafablajn, de siaj novaj samnaciuloj, alprenis nomojn, kies formo ne rememorigis ilian fremdan devenon. Tiel faris, je la meza epoko, la germanoj, kiuj romaniĝis, aŭ pli malfrue multaj italoj kiuj franciĝis. Tiam ili uzis diversajn metodojn : aŭ ili konservis kiel eble plej la ortografian formon (*de Broglio* fariĝas *de Broglie*), aŭ la elparoladon (*del Bene* fariĝas *d'Elbène*), aŭ ili tute tradukis kiam tio estas eble (*Hirsch* fariĝas *Cerf, Hasenfuss, Piedelièvre*). Aliparte jam kelkaj esperantistoj sekvis tiajn ekzemplojn.

Kiel ni anoncis en la antaŭa numero, ni publikigas ĉi-sube noton de la Prezidanto de l' Akademio **pri Landnomoj**. Tiu noto entenas kelkajn novajn rimarkojn pri Holando kaj Brazilo skribitajn de li mem.

## La sistemo de D-ro Zamenhof

En la ĉi suba esploro, mi tute *objektive* klarigos la Zamenhofan sistemon. Ĝin mi ne intencas, ne *volas* diskuti, sed mi rajtas konstati, ke ĝi zorge atentas pri la necesa rilato inter la nomo de la lando kaj tiu de la regnano, ke tre sufiĉe *logika* ĝi estas, ke, kiel skribis en sia Raporto (paĝo 8, Konkludo) Prof. Grosjean-Maupin, « la fideleco al ĝenerala akceptita tradicio estas el praktika vidpunkto pli sendanĝera ol ia ajn provo » ; plie, ke ĉia alia sistemo okazigas fatale inter la Esperantistoj kontraŭstaron, proteston kaj diskutojn nepre evitindajn.

Malnova Mondo

*Eŭropo, Azio kun Egiptujo* (1)

La gento donas sian nomon al sia lando per aldono de l' sufikso *-ujo* (2).

| | | | |
|---|---|---|---|
| Angl-ujo | Franc-ujo | Japan-ujo | Saks-ujo |
| Bavar-ujo | German-ujo | Norveg-ujo | Skot-ujo (3) |
| Belg-ujo | Grek-ujo | Pers-ujo | Sved-ujo |
| Brit-ujo | Hind-ujo | Pol-ujo | Svis-ujo |
| Bulgar-ujo | Hispan-ujo. | Portugal-ujo | Turk-ujo |
| Dan-ujo | Hungar-ujo | Prus-ujo | k. t. p. |
| Egipt-ujo | Ĥin-ujo | Ruman-ujo | |
| Fin(n)-ujo (3) | Ital-ujo | Rus-ujo | |

La sama regulo taŭgas kompreneble por la postmilite restarigitaj sendependaj landoj :

| | | | |
|---|---|---|---|
| Aŭstr-ujo | Ĉeĥoslovak-ujo | Eston-ujo | Jugoslav-ujo |
| Latv-ujo | Litov-ujo | k. t. p. | |

Sed Holando (= Ĥol + land-o) aŭ Nederlando, Irlando, Islando, ĉar tie *lando* apartenas al la radiko de la landnomo ; sekve ilia adjektiva formo estas : Holanda, k. t. p., kaj la regnana nomo : Holandano, k. t. p.

---

(1) Por la antikvaj Grekoj kaj Hebreoj *Egiptujo* estis kvazaŭ Azia « kromlando ». Ĝi — sed ne la cetero de Afriko, apenaŭ konita — apartenas al la Malnova Mondo. — Same por D-ro Zamenhof, la tradukinto de la Biblio.

(2) Anstataŭ *-ujo* oni ĉiam rajtas uzi *-lando* : *Franclando* (mallongige kaj skribe : *Francl.*) apud *Francujo*, kiel *pomarbo* apud *pomujo*, *preĝdomo* apud *preĝejo*.

(3) Anstataŭ *Fin(n)ujo, Skotujo* oni ĝenerale uzas, konforme al la nacia nomo, la formojn : *Fin(n)lando, Skotlando* (Vidu Rim. 2).

## Nova Mondo

*Afriko* (1), *Ameriko kaj Oceanio*

Ĉar, politike, malaperis la primitivaj gentoj, la lando mem donas sian nomon al la regnano per aldono de l' sufikso *-ano*.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Alĝeri-o (2) | Ĉil-o | Meksiki-o (4) | Uson-o |
| Arĝentin-o | Kanad-o | Nov-Zeland-o | Venezuel-o |
| Aŭstrali-o | Kapland-o | Peru-o | k. t. p. |
| Bolivi-o | Kolombi-o | Tunizi-o | |
| Brazil-o (3) | Marok-o | Urugvaj-o | |

## Nomoj de Provincoj kaj Urboj

Aldoni la finaĵon *-o* al la provinca nomo : *Brandenburgo, Silezio, Provenco,* — se ne eble, senŝanĝe : *Loiret, Essex.*

Kelkaj nomoj de gravaj ĉefurboj esperantiĝis : *Parizo, Ĝenevo, Kopenhago.* — Aliaj simple alprenas la finaĵon *-o* : *Londono, Berlino,* — se ne eble, senŝanĝe : *Versailles, Breslau.*

En tiu ĉi landnoma demando, kiel en aliaj, plej bona gvidanto restas por ni D-ro Zamenhof.

Th. CART,
*Prezidanto de la Lingva Komitato*
*kaj de ĝia Akademio.*

---

(1) Esceptinte *Egiptujon* (Vidu Rim. 1, paĝo 15).

(2) *Io* ne estas sufikso por landnomoj ; pri tio *ĉiuj* konsentas, kaj sekve, se *i* apartenas al la radiko, la adjektiva formo finiĝas per *i-a* kaj la nomo de l' regnano per *i-an-o* (Vidu ekzemplojn en la listo « *Nova Mondo* » kaj Rim. 3).

(3) Ambaŭ formoj : *Brazil-o* kaj *Brazili-o* estas pli malpli internaciaj kaj uzitaj kaj neniel kontraŭas al la Zamenhofa kaj Fundamenta principo. Oni do rajtas elekti inter ili. La Brazila Ligo fine elektis : Brazilo, -a, ano.

(4) Formo konsilita de D-ro Zamenhof por diferencigi la landon kaj la ĉefurbon.

Centra Presejo Esperantista (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris — Le Gérant : ROLLET DE L'ISLE.

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

## (I. S. A. E.)

## STATUTOJ

1. — La Asocio celas propagandi kaj apliki la internacian helplingvon Esperanto en la sciencaj kaj teknikaj rondoj kaj faciligi ĝian uzadon per ĉiuj rimedoj.

2. — Fariĝas Asocianoj la personoj akceptitaj de la Komitato.

3. — La Asocianoj konsistas el honoraj kaj aktivaj membroj. La aktivaj membroj entenas :

*a)* personojn ;
*b)* societojn kaj korporaciojn.

4. — La honoraj membroj estas elektataj de la Komitato kaj pagas neniun kotizon.

5. — Ĉiuj aktivaj membroj pagintaj la kotizon rajtas voĉdoni pri ĉiu demando.

6. — La Asocion administras Komitato konsistanta el 6—10 membroj elektitaj por du jaroj kaj anstataŭeblaj poduone ĉiudujare.

7. — La Komitato elektas estraron konsistantan el prezidanto, vic-prezidanto, ĝenerala sekretario, sekretario-kasisto.

8. — Ŝanĝoj en la statutoj povas esti decidataj nur se la du trionoj de la Asocianoj akceptas ilin per voĉdono ; sama nombro (2/3 de la Asocianoj) same estas necesa por decidi pri la finigo de la Asocio, kaj pri la uzo de la kapitalo restanta.

9. — La Asocio kuniĝas ĉiujare en ĝenerala kunsido. La decidoj alprenitaj de la ĉeestantoj estas konigataj al ĉiuj membroj ; tiuj decidoj estas aplikataj, se ne estas ricevita plimulto da kontraŭdiroj, dum la sekvantaj 3 monatoj.

### FAKAJ SEKCIOJ

10. — Se almenaŭ dek samfakistaj membroj tion proponas al la Komitato, faka sekcio povas esti fondata ; ĝia tasko estas propagandi kaj apliki Esperanton en ĝia speciala rondo.

11. — Faka sekcio povas havi estraron, regularon, bultenon kaj specialan kotizon krom tiuj de la Asocio, sed nur post aprobo de la Komitato.

12. — Faka sekcio kuniĝas almenaŭ unufojon jare.

### FINANCOJ KAJ KOTIZOJ

13. — La kotizo estas fiksita ĉiujare de la Komitato. (1)

14. — La Sekretario-kasisto prezentas ĉiujare raporton pri la financa stato de la Asocio, por aprobo de la ĝenerala kunveno.

---

(1) **Aktiva subtenanta membro** ; jara kotizo : 2,5 dolaroj ; dumviva kotizo : 40 dol.
**Aktiva membro** : jara kotizo : 0,5 dolaro ; dumviva kotizo : 10 dol.
**Societoj kaj Korporacioj** ; jara kotizo minimume 5 dol. ; 20-jara kotizo : 75 dol.
(Oni povas pagi la dumvivajn kotizojn per partaj monsumoj.)

**KOTIZOJ** sendotaj al la kasisto **S-ro Rousseau, 4, place de la République, Levallois-Perret (Seine), France.** Por la Francoj : Poŝta ĉekkonto n° 698-55 Paris.

# SCIENCAJ & TEKNIKAJ VERKOJ

Fr. fr.

**Vocabulaire Technique et Technologique Français-Esperanto** (Verax) . . . 4.—

**Enciklopedia Vortareto Esperanta** (Verax) . . . . . . . . . . . . . . . 12.—

**Provo de Marista Terminaro** (Rollet de l'Isle) . . . . . . . . . . . . . 2.50

**Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio** (Rousseau) . . . . . . . 12.-

(Ĉe la LIBRAIRIE CENTRALE ESPÉRANTISTE, 51, rue de Clichy, Paris.)

**Maŝinfaka Esperanta Vortaro prielementa** (Wüster) . . . . . . . . . . —.—

**Enciklopedia Vortaro** *(I-a kaj II-a parto)* (Wüster) . . . . . . . . . . —.—

(Ĉe FERDINAND HIRT & SOHN, Leipzig.)

**Internacia Radio Leksikono seslingva** (D-ro P. Corret) . . . . . . . . 5.—

(Ĉe Librejo CHIRON, 40, rue de Seine, Paris.)

**Raporta Stenografio**, alfaro de la angla sistemo Pitman al Esperanto (Montagu C. Butler) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . —.—

# TEKNIKAJ REVUOJ

**Internacia Medicina Revuo**, jarabono 1 dolaro ; abonejo : D-ro Briquet, 31, rue de la Bassée, Lille, France.

**Internacia Radio-Revuo**, jarabono 0,5 dolaro ; abonejo : M. Chiron, éditeur, 40, rue de Seine, Paris, France.

CENTRA PRESEJO ESPERANTISTA (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris.